24a Jaro - No 12 (261) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,– Decembro 1938a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de
Reĝa Belga Ligo Esperantista
Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.35

NOVEMBRO-DECEMBRO 1908

## "Belga Esperantisto" jubileas

La unua numero de « Belga Esperantisto » portas la indikojn « Novembro-Decembro 1908 ».

Je la momento, kiam, je la 1-a de Decembro, aperas tiu ĉi numero de nia organo, tridek jaroj ekzakte estas forpasintaj de la starigo de nia revuo.

Tridek jaroj ! Jubileo !

« Belga Esperantisto » estis starigata ĉar, — kiel diris S-ro Léon Champy en la enkonduka artikolo — « oni povis diri ke, de du jaroj, nia lando ne plu havas Esperantistan jurnalon ».

Kaj efektive « Belga Esperantisto » iĝis de la unua momento, la ligilo de tiuj Esperantistoj, kiuj en la batalo, kiun al la Zamenhofa lingvo liveris la Idistoj, restis fidelaj al la lingvo, kiel ĝi estis kreita de nia Majstro.

En la sama enkonduka artikolo, ni legas:

« Ni estas esperantistoj, konvinkitaj admirantoj de la Esperanto de D-ro Zamenhof kaj de nenia alia ;

de Esperanto, tiu klara kaj preciza idiomo per kiu, jam de pli ol dudek jaroj, ĉiuj popoloj de l' mondo sukcesis interkompreniĝi ;

de Esperanto, la tutmonda lingvo, ŝatata kaj uzata de jam miloj kaj miloj da homoj ;

de Esperanto, kiu permesis, dum kvar kongresoj, al potenca amaso da partoprenintoj, alvenintaj el ĉiuj partoj de l' mondo, perfekte interparoli, vivi ĝis tiam nekonitan vivon, kunigi iliajn klopodadojn por la sama homama celo ;

de Esperanto, kiu kondukis al la nekomparebla sento de kunfrateco nomita kaj difinita de D-ro Zamenhof mem ESPERANTISMO en lia belega parolado je la malfermo de la Kongreso de Cambridge.

Jen, kiuj ni estas. »

Jen ankaŭ kiuj ĉiuj la kunlaborantoj de nia revuo, dum la tridek forpasintaj jaroj klopodis resti.

Ili trovis ĉiuj apogon en siaj klopodoj, firmigon en sia laboro en la fakto, ke D-ro Zamenhof mem, sendis al la estraro de la nova revuo, leteron, en kiu ĉiu, kiu ĝin nun ankoraŭ legas, povas travideti la doloron, la korpremon de nia Majstro en tiuj malhelaj tagoj de la Skismo.

De tiu Skismo, kiu, simila al tiuj imponaj Terskuegoj, minacis en sia fundamento mem, la ideon de lingvo internacia, kiu nur povas vivi, kiam la Fundamenta Leĝo estas kaj restas ĉiam kaj por ĉiuj la sama, malgraŭ la permesata kaj akceptata evoluo de la lingvo.

De tiu Skismo, kiu, en la sekvantaj jardekoj, estis sekvata ankoraŭ de multnombraj skuetoj, — idoj de la perfida Ido —, sed kiuj neniam plu kapablis ektremigi nian karan lingvon, kiu nun staras sur firma bazo.

Precipe ĉe l' komenciĝo de tiu ĉi monato, kiu alportas al ni la rememoran tagon de lia naskiĝo, ni volis meti antaŭ la okuloj de niaj legantoj, la tekston de nia Majstro, kiu tre certe estos, por ili ĉiuj ankaŭ, kuraĝigilo en la ĉiutaga batalo por nia Idealo.

M. JAUMOTTE.

### Letero de D-ro Zamenhof

Karaj Sinjoroj,

Via sciigo pri la baldaŭa aperonta B.E. estis por mi tre agrabla novaĵo. Mi sendas al la nova organo mian sinceran gratulon kaj deziron de plej bona prosperado.

Mi ĝojas ke por niaj belgaj amikoj baldaŭ malaperos la malbona sonĝo, kiu turmentis ilin en la daŭro de tuta jaro; ke ili baldaŭ havos denove organon vere kaj klare esperantistan, kiu firme kaj senŝanceliĝe kondukados ilin laŭ tiu rekta vojo, kiun la esperantistaro en plena unueco iras jam pli ol 20 jarojn, — organon, kiu plu ne penados fortiri ilin de nia armeo, sed konstante instruados al ili severan disciplinon, obeon, kaj estimon por nia komuna standardo.

Nian grandan kaj gravan celon ni povos atingi nur per unueco, per unueco, per unueco!

Mi esperas, ke tiuj nemultaj belgaj amikoj, kiuj forlasis nian komunan vojon, baldaŭ komprenos, kian malutilon ili per sia agado alportas al nia ideo, kaj ili noble kaj kuraĝe tion konfesos; kaj nun, kiam la opinio de la esperantistaro estas jam senduba, ili submetos siajn personajn opiniojn kaj dezirojn al la opinio kaj postuloj de la plimulto kaj montros kiel agas honestaj kaj bravaj batalantoj por granda ideo.

L. L. ZAMENHOF.

**Noto.** — Kelkaj legantoj, eble, unuavide, miros pri la fakto, ke nia revuo jam ekzistas de antaŭ tridek jaroj, dum la hodiaŭa numero estas anoncata, kiel la 12-a de la 24-a jaro.

Tio ne plu mirigos ilin, se ili pripensas, ke la unua postmilita numero nur aperis en Januaro-Februaro 1921.

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

## Pilgrimo al la tombo de Abato Austin Richardson

**Nur la tre malnovaj samideanoj ankoraŭ povas memori la iam tiom simpatian vicprezidanton de nia Ligo, Pastron Austin Richardson, kiu naskiĝis en Orient-Hindujo, en 1843, sed kiun lia patro, angla militkuracisto, studigis en la seminario de Mehleno.**

**Survoje al la Kongreso de Bern, pastro Richardson subite mortis en la domo de amiko.**

**Ni ricevis de nia samlandano S-ro Richez, kiu, de longaj jaroj, loĝas en Svisujo, ĵenan artikolon, kiun ni volonte enpresas:**

De multaj jaroj mi intencis esplori ĉu Abato Richardson, pioniro de Esperanto en Belgujo, estis enterigata en Anglujo aŭ en Bossey, Savojo, kie li mortis en 1913, kaj en la lasta kazo viziti lian tombon kiel signon de dankemo kaj rememoro al li.

Bossey ne estas malproksime de Genève, kie mi loĝas, sed ĉiu scias kiel ofte la komplikaĵoj de la vivo malebligas kaj prokrastigas plej simplajn klopodojn. Plej ofte homoj travagintaj kelkajn landojn eĉ ne ekpaŝis por koni la vidindaĵojn de sia propra urbo, ĉar mankas okazo, tempo aŭ plej ofte la volo decidi.

Mi fine iris dimanĉon pasintan al Bossey ; vilaĝeto ĉe la piedo de Monto Salève, kiun nur la larĝeco de vojo disigas de la svisa landlimo. Antaŭ la eniro de la vilaĝo konstruita sur deklivo oni rimarkas ŝtonan surskribon rememoriganta ke Jean-Jacques Rousseau (1712-1776) loĝis de 1722 al 1724 en la malnova pastrejo de Bossey. La vilaĝo ĉirkaŭata de vinarboj estas tre pentrinda, ĝi estas aro de malnovaj domoj, farmoj, unuj pli alte lokitaj ol la aliaj, apud malgranda malnova preĝejo staranta sur teraso, antaŭa tombejo. Ĉie oni vidas barelojn entenantaj la ĵus elpremitan novan vinon.

Sur la placeto la pastro ĝuste staris, disiĝanta de parohanino ; mi alparolis lin kaj eksciis ke pastro Richardson estis enterigita en la tombejo de Bossey kiel mi supozis. La vojo grimpas kaj fine mi alvenis al la tombejo etendiĝanta sur monteto.

La tombo de abato Richardson kiu estis profesoro en Instituto S-ta Ludoviko en Bruselo, surhavas grandan ŝtonan krucon sur kiu estas trilingva surskribo : sur la soklo :

« In thankful memory of God's faithful priest Father Austin Richardson † Aug. 20, 1913. R.I.P. » — « Je n'ai pas de plus grande joie que d'apprendre que mes enfants marchent dans la vérité. »

Sur la kruco, en esperanto :



« Preĝu por li. »

Klinita sur la tombo mi pense revidis la amindan vizaĝon de la maljunulo, ĉirkaŭita kvazaŭ per nimbo de liaj blankaj longaj haroj kaj mi rememoris lian esperantan fervoron kiam antaŭ pli ol 28 jaroj li invitis min fariĝi Delegito de U.E.A. en Péruwelz, poste organizis kunvenon en Huy, kaj mi rememoris lian bonan rideton kiam mi supreniris apud li la ŝtuparon de koncerthalo en Brugge dum la dua belga Kongreso (15-16 majo 1910).

Kiom da jaroj forpasis ! Kiom da unuaj belgaj fervoraj esperantistoj mortis : Amatus Van der Biest-Andelhof kaj lia filo Willem Van der Biest, H. Petiau, O. Van Schoor, L. Delvaux, Jos. Parotte, A. J. Witteryck, Frans Schoofs kaj multaj aliaj, kiujn mi ne forgesis sed la vizaĝon de tiu, kiu min alkondukis al la internacia organizo U. E. A. mi pli forte rememoris pro la sento de bono kaj idealismo kiu elradiis el lia nobla vizaĝo.

La suno brilas sur la malgranda tombejo de Bossey plena je krizantemoj pro la baldaŭa Festo de Mortintoj ; ĝi brilas sur la rokaj krutaĵoj de Salève jam surpudrita je neĝo, pego frapas per sia beko tomban arbon. De la tombejo oni vidas sube la liman vojon, la kantonon Ĝenevan, la urbon, la lagon kaj la kolosan palacon de la Ligo de Nacioj, kaj funde, kvazaŭ muro, la Juran montaron.

En tiu plej bela naturo, en tiu regiono de paca internaciismo, abato Austin Richardson, pioniro de Esperanto en Belgujo ripozas. (*)

3 novembro 1938. R. RICHEZ.

(*) En la sama tombejo ripozas ankaŭ S-ino Milson (pseŭdonimo: E. Ramo) kiu tradukis esperanten « Fabiola » de Kardinalo Wieseman. Pastro Richardson estis trapasanta Bossey kaj vizitanta tiun samideaninon por revizii kelkajn esperantajn verkojn kiam li subite mortis 70-jaraĝa en la domo de la vilaĝa pastro.

## Kunvenoj de Estraro kaj Komitato

**Je la momento de l' presigo de nia revuo, ni ekscias, ke kunvenoj de la estraro kaj de la komitato de Reĝa Belga Ligo Esperantista okazos dimanĉon, la 11-an de Decembro, respektive matene kaj posttagmeze, en « Hotelo Albert Ier », Bruselo.**

**Detaloj sekvos per cirkulero.**

## " Zamenhofmemorigo " en N. I. R.

Ni ekscias ke la flandralingva elsendstacio Bruselo N. I. R. aŭdigos « Zamenhofmemorigon » laŭ ĉi subaj detaloj :

Dato: la dekkvaran de Decembro 1938. Tempo : de la deknaŭa horo ĝis la deknaŭa horo tridek (Greenwich-horo).

Ondolongo : tricent dudek unu metroj kaj naŭ dekonoj.

La stacio havas Esperantan oficiston kaj certe komprenas la nederlandan, francan, anglan kaj germanan lingvojn.

Kunlaborantoj: « Esperantista Reprezentantaro Brusela ».

Programo : (ankoraŭ ne absolute fiksita, verŝajne kiel sekvas, nur la sinsekvo estos verŝajne parolado-kanto-parolado-kanto): kvinminuta flandra parolado pri Zamenhof kaj Esperanto; triminuta alterne Esperanta kaj flandra deklamado de la sama poemo; duminuta Esperanta deklamado: enversigita ekstrakto de la unua kongresa parolado de Zamenhof (1905); duminuta Esperanta deklamado: enversigita «lasta konfeso» de Zamenhof (kiel « mortadsceno »); dekkvinminuta Esperanta ĥorkantado. (La Espero, La Tagiĝo, La Vojo, Preĝo sub la verda Standardo).

Dum la restaĵo de la tempo: anoncado kaj resumado en flandra lingvo.

Kantos : « Brusela Esperanto-Kantĥoro ». Deklamos (verŝ.) s-roj H. Vermuyten kaj A. Isaya.

**Ne forgesu aŭskulti kaj danki la N.I.R.**

5 DECEMBRO 1878.

# Unua Festo sanktiga de la Lingvo

*Se « Belga Esperantisto » ekzistas jam de 30 jaroj, ni, dum la tuj sekvontaj tagoj, festos ankaŭ duan, ni preskaŭ volis skribi duoblan jubileon.*

*Dufoje tri dek jarojn efektive ekzistas jam nia lingvo. Tion atestas D-ro Zamenhof mem, en sia privata letero al N. Borovko pri la deveno de Esperanto.*

*Se ni, pasintan jaron, ja festis la 50-jaran jubileon de la apero de la unua broŝuro pri nia lingvo, t.s. la 50-jaran jubileon do de la publika vivo de Esperanto, ni tamen legas en tiu letero de la Majstro ke :*

« En la jaro 1878, la lingvo estis jam pli-malpli preta, kvankam inter la tiama « lingwe uniwersala » kaj la nuna Esperanto estis ankoraŭ granda diferenco. Mi komunikis pri ĝi al miaj kolegoj (mi estis tiam en 8-a klaso de Gimnazio). La plimulto da ili estis forlogitaj de la ideo kaj de la frapinta ilin neordinara facileco de la lingvo, kaj komencis ĝin ellernadi. La 5-an de decembro 1878, ni ĉiuj kune, solene, festis la sanktigon de la lingvo. Dum ĉi tiu festo estis paroloj en la nova lingvo, kaj ni entuziasme kantis la himnon, kies komencaj vortoj estis la sekvantaj :

« Malamikete de las nacjes
Kadó, kadó, jam temp' está !
La tot' homoze in familje
Komunigare so debá. »

(En la nuna Esperanto ĉi tio signifas: Malamikeco de la nacioj, falu, falu, jam tempo estas ! La tuta homaro en familion unuiĝi devas.)

Sur la tablo, krom la gramatiko kaj vortaro, kuŝis kelkaj tradukoj en la nova lingvo.

Tiel finiĝas la unua periodo de la lingvo. Mi estis tiam ankoraŭ tro juna por eliri publike kun mia laboro, kaj mi decidis, atendi ankoraŭ 5-6 jarojn kaj, dum ĉi tiu tempo, zorgeme elprovi la lingvon kaj plene prilabori ĝin praktike. Post duonjaro post la festo de 5-a de decembro, ni finis la gimnazian kurson kaj disiris. La estontaj apostoloj de la lingvo provis paroleti pri « nova lingvo » kaj renkontinte la mokojn de homoj maturaj, ili tuj rapidis malkonfesi la lingvon kaj mi restis tute sola. Antaŭvidante nur mokojn kaj persekutojn mi decidis, kaŝi antaŭ ĉiuj mian laboron. Dum 5 1/2 jaroj de mia estado en la universitato, mi neniam parolis kun iu pri mia afero. Ĉi tiu tempo estis por mi tre malfacila. La kaŝeco turmentis min ; devigita zorgeme kaŝadi miajn pensojn kaj planojn, mi preskaŭ nenie estadis, en nenio partoprenadis, kaj la plej bela tempo de la vivo, — la jaroj de studento —, pasis por mi plej malgaje. Mi provis, iafoje, min distri en la societo, sed sentis min ia fremdulo, sopiris kaj foriradis kaj, de tempo al tempo, faciligadis mian koron per ia versaĵo en la lingvo, prilaborata de mi. Unu el ĉi tiuj versaĵoj, « Mia Penso », mi metis poste en la unuan broŝuron eldonitan de mi, sed al la legantoj kiuj ne sciis, en kiaj cirkonstancoj ĉi tiu versaĵo estis skribita, ĝi ekŝajnis, komprenеble, stranga kaj nekomprenebla.

Dum 6 jaroj, mi laboris perfektigante kaj provante la lingvon, — kaj mi havis sufiĉe da laboro, kvankam en la jaro 1878 al mi jam ŝajnis, ke la lingvo estas tute preta. Mi multe tradukadis en mian lingvon, skribis en ĝi verkojn originalajn, kaj vastaj provoj montris al mi, ke tio, kio ŝajnis al mi tute preta teorie, estas ankoraŭ ne preta praktike. Multon mi devis ĉirkaŭhaki, anstataŭigi, korekti kaj radike transformi. Vortoj kaj formoj, principoj kaj postuloj puŝis kaj malhelpis unu la alian, dume, en la teorio, ĉio aparte kaj en mallongaj provoj, ili ŝajnis al mi tute bonaj. Tiaj objektoj, kiel ekz. la universala prepozicio « je », la elasta verbo « meti », la neŭtrala, sed difinita finiĝo « aŭ » kaj tiel plu, kredeble, neniam enfalus en mian kapon, teorie. Kelkaj formoj, kiuj ŝajnis al mi riĉaĵo, montriĝis nun, en la praktiko, senbezona balasto, tiel ekz. mi devis forĵeti kelkajn nebezonajn sufiksojn. En la jaro 1878, al mi ŝajnis, ke estas, en la lingvo, sufiĉe havi gramatikon kaj vortaron; la multpezecon kaj malgraciecon de la lingvo mi alskribadis nur al tio, ke mi ankoraŭ ne sufiĉe bone ĝin posedas, sed la praktiko ĉiam pli kaj pli konvinkadis min, ke la lingvo bezonas ankoraŭ ian nekapteblan « ion », la kunligantan elementon, donantan al la lingvo vivon kaj difinitan, tute formitan, spiriton.

(La nesciado de la spirito de la lingvo estas la kaŭzo kial kelkaj Esperantistoj, tre malmulte legantaj en la lingvo Esperanto, skribas senerare, sed per multepeza, malagrabla stilo, dume la Esperantistoj pli spertaj skribas per stilo bona kaj tute egala, al kiu ajn nacio ili apartenas. La spirito de la lingvo sendube kun la tempo multe, kvankam iom post iom kaj nerimarkite, ŝanĝiĝos ; sed se la unuaj Esperantistoj, homoj de diversaj nacioj, ne renkontus en la lingvo tute definitan fundamentan spiriton, ĉiu komencus tiri en sian flankon kaj la lingvo restus eterne, aŭ almenaŭ, dum tre longa tempo, malgracia kaj senviva kolekto da vortoj.) — Mi komencis tiam evitadi laŭvortajn tradukojn el tiu aŭ alia lingvo kaj penis rekte pensi en la lingvo neŭtrala. Poste mi rimarkis, ke la lingvo en miaj manoj ĉesas jam esti senfundamenta ombro de tiu aŭ alia lingvo kun kiu mi havis la aferon en tiu aŭ alia minuto, kaj ricevas sian propran spiriton, sian propran vivon, la propran difinitan kaj klare esprimitan fizionomion, ne dependantan jam de iaj influoj La parolo fluis jam mem, flekseble, gracie, kaj tute libere, kaj kiel la viva patra lingvo.

Ankoraŭ unu cirkonstanco igis min, por longa tempo, prokrasti mian publikan eliron kun la lingvo : Dum longa tempo, restis nesolvita unu problemo, kiu havis grandegan signifon por neŭtrala lingvo. Mi sciis ke ĉiu diros al mi : « Via lingvo estos por mi utila nur tiam, kiam la tuta mondo ĝin akceptos. Tial mi ne povas ĝin akcepti ĝis tiam, kiam ĝin akceptos la tuta mondo ». Sed ĉar la « mondo » ne estas ebla sen antaŭaj apartaj « unuoj », la neŭtrala lingvo ne povis havi estontecon ĝis tiam, kiam ĝia utileco fariĝos por ĉiu aparta persono, sendependa de tio, ĉu jam estas la lingvo akceptita de la mondo antaŭe ilin akceptu kaj donas al tute nedediĉita adresato la eblon kompreni ĉion skribitan de vi, se vi nur transdonas al la adresato la ŝlosilon, — alkondukis min al la penso, aranĝi ankaŭ la lingvon en la maniero de tia « ŝlosilo », kiu, enhavante en si, nesole la tutan vortaron, sed ankaŭ la tutan gramatikon, en la formo de apartaj, tute memstaraj kaj alfabete ordigitaj elementoj, donus la eblon al la tute nedediĉita adresato de kia ajn nacio, tuj kompreni vian leteron.

Mi finis la universitaton kaj komencis mian medicinan praktikon. Nun mi ekpensadis jam pri la publika eliro kun mia laboro. Mi pretigis la manuskripton de mia unua broŝuro(D-ro Esperanto: « Lingvo Internacia ». Antaŭparolo kaj plena lernolibro.) kaj komencis serĉi eldonanton. Sed ĉi tie mi, la unuan fojon, renkontis la maldolĉan praktikon de la vivo, la financan demandon, kun kiu mi poste ankoraŭ multe devis kaj devas forte batali. Dum

# BELGA KRONIKO

**Atentu! Niaj membroj kaj abonantoj estas petataj repagi, kiel eble plej baldaŭ, sian kotizon, rekte al la kasisto de la grupo al kiu ili apartenas; se ili estas izola membro al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo 1337.67. Al la kotizo de la grupo aŭ de la Ligo (Fr. 35) oni aldonu la kotizon de I.E.L. se oni estas M.J., M.A. ktp.; oni eventuale ankaŭ aldonu la abononprezon por « Heroldo ». (Vidu kotizojn p. 83.)**

## GRUPA KALENDARO.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile: ĉiusabate je 20a h. 30.

**Kelkaj membroj ĝis nun forgesis pagi sian kotizon. Tiuj tuj pagu al P.Ĉ.K. 726.54 de la grupo. La aliaj membroj ankaŭ pretiĝu pagi la kotizon por 1939: Fr. 35 al la sama poŝtĉeko.**

Sabaton, la 3-an de Decembro, je la 20a 30, okazos la prokrastita saŭrkraŭtvespero, en « Frascati », Frankrijklei, 13 (fr. 8,— aŭ fr 14 por du personoj).

Sabaton, la 10-an de Decembro, je la 20-a, la Verd-Stelanoj partoprenos en la granda Zamenhoffesto, organizita de la « ESPERANTO-KOMITATO INTERGRUPA » (E.K.I.), en salonego « Katedralo », Melkmarkt, kun la kunlaboro de elementoj de la diversaj Antverpenaj grupoj. Enirprezo Fr. 3,—.

Sabaton, la 17-an, en « Witte Leeuw », KRISTNASKFESTO, por la gemembroj. Deviga kunporto de surprizo, iomvalora. La surprizoj nure ridigaj kaj amuzaj estas aparte forlotataj.

Dimanĉon, la 18-an, en « Witte Leeuw », je la 15-a, KRISTNASKFESTO, por la infanoj de la membroj.

Sabaton, la 24-an, en « Witte Leeuw », nur intima senprograma kunveno.

Sabaton, la 31-an, tute ne okazos kunveno.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO : « Salonego Brangwyn », ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin, Tel. 318.23.

Kunvenoj dum Decembro 1938, ĉiuj en la Kunvenejo (krom la 13-an):

Mardon, la 6-an de Decembro: Surpriza vespero. (Prez.: « ? ») (Ĉiu alportu amuzan donaceton.)

Mardon, la 13-an: Zamenhofa Festo en la Sidejo « Gouden Hoorn-Cornet d'Or ». (Prez.: F-ino Y. Thooris.)

Mardon, la 20-an: a) dikto de kanto (Prez. F-ino Y. Thooris); b) kantado, sub gvidado de S-ino Ch. Poupeye; ĉe la piano: S-ino H. Van Roye.

Mardon, la 27-an: Finjara vespermanĝo: Mituloj kaj fritita terpomoj. Poste dancado. Partoprenontoj al vespermanĝo (prezo 6 fr.) sin anoncu ĝis la 20-a ĉe S-ro Van Roye.

KURSO POR KOMENCANTOJ: ĉiuvendrede en la Sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or », je la 20-a, la 2-an, 9-an kaj 16-an de Decembro: 9-a, 10-a kaj fina lecionoj.

BIBLIOTEKO malfermata en la Sidejo, ĉiumarde — kaj ankaŭ ĉiuvendrede dum la daŭro de la kurso — de la 19.30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj: F-ino M. Vanden Berghe kaj S-ro K. Decoster. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, leterpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj ĉe F-ino M. HUYGHE, Potterierei, 1, quai de la Poterie, (Helpa Poŝtoficejo), Tel. 315.61.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde :

De la 7-a ĝis la 8-a : Dancleciono.

De la 8-a ĝis la 9-a : Perfektiga kurso (Profesoro: S-ro van der Stempel).

De la 9-a ĝis la 10-a: Kunveno.

Lundon, la 5-an de Decembro: S-ro Gordin raportos pri la danclecionoj.

Dimanĉon, la 11-an: Festeno de la Zamenhofa tago en « Hotelo Albert Ier », je la 6,30a vespere. Bonvolu sendi al la Poŝtĉekkonto de la Brusela Esperantista Grupo n-ro 1230.48, la prezon de la festeno, nome 25 Fr., antaŭ la 5-a de Decembro.

MENUO : Gondoloj kun fungoj kaj kremo - Soleaĵoj « Grimaldi » - Anasido kun kompoto - Frosta Kuveto Albert Ier.

Lundon, la 12-an: Lud- kaj kantvespero.

Lundon, la 19-an: Parolata ĵurnalo.

Lundon, la 26-an: ne okazos kunveno.

CHARLEROI. — **« Cercle Polyglotte »,** Passage de la Bourse. Paroligaj kunvenoj ĉiusabate je la 19a h. 30.

LOVENO. — **Lovena Grupo.** — Ĉiuj mekredoj kaj vendredoj, en la kutima ejo Hotel Ratteman, kurso (de la 20-a ĝis la 22-a).

## GRUPAJ RAPORTOJ.

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 5-an okazis en « Witte Leeuw », ĝenerala kunsido, dum kiu S-ro Jaumotte, prezidanto, ekzamenis kaj klarigis la situacion, kreitan, pro la troa laboro, kiu pezas sur la ŝultroj de la nunaj gvidantoj. S-ro Wauters akceptas iĝi kasisto kaj S-ro Van Gogh, helpa sekretario.

La 12-an, S-ro M. Jaumotte, prezentita de la vicprezidanto S-ro De Hondt, faris interesan paroladon pri sia vojaĝo al la « Azura Marbordo ». Varme la multnombraj gemembroj aplaŭdis lin pro lia agrabla klarigo.

La 19-an, okazis tre vigla lud-vespero en la Esperanto-Domo, kaj la 26-an, la « saŭrkraŭtvespero » estis, pro neantaŭviditaj cirkonstancoj anstataŭata de parolado de S-ro A. Faes, vicprezidanto, kiu plej vivoplene parolis pri kelkaj paĝoj el la historio de la Mondmilito, nome la unua marbatalo inter la angloj kaj la germanoj. S-ro Jaumotte dankis la paroladiston, kiun prezentis S-ro De Hondt kaj S-ro Lodema, kiel iama maristo, nepre deziris aldoni kelkajn trafajn dankvortojn.

**BRUĜO. — Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — La 25-an de Oktobro okazis, sub prezido de F-ino Y. Thooris, konkurso pri Konversacia Vortaro. S-ino Plate gajnis premion.

La 1-an de Novembro, matene, delegacio de la grupo partoprenis en la oficiala sekvantaro al la Milita Tombejo. Vespere ne okazis kunveno.

La kunveno de la 8-a de novembro estis unue dediĉata al la funebra rememorigo de S-ro John Josiah Boutwood, Honora Prezidinto de la grupo ek de 1919, kiu mortis en Hastings (Anglujo), la 22-an de Oktobro. F-ino Y. Thooris, prezidantino, per emociaj vortoj laŭdis la memoron de la bedaŭrata mortinto kaj raportis ke ŝi petis al nia Londona samgrupano, S-ro H. Moy Thomas, iel honorigi la karmemoran malaperinton. S-ro H. Moy Thomas sin turnis tial al S-ro Turner, samideano el Hastings, kiu nome de la Bruĝa Grupo demetis florojn sur la tombon. S-ro Boutwood naskiĝis la14-an de Novembro 1860 kaj venis lastan fojon en Belgujo en 1936 dum la Kongreso de La Louvière. — Dum la dua parto de tiu kunveno, S-ro Ch. Poupeye legigis « B.E. » kaj faris varman alvokon profite al Esp.-legado.

Dum la kunveno de la 15-a de Novembro, F-ino Y. Thooris diktis la kanton: « Frata Marŝo », post kio okazis interparolado gvidata de S-ro Ch. Poupeye, pri temoj diversaj, sed precipe pri kongresa ekskurso.

Aliparte la elementa kurso, sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye, daŭriĝas ĉiuvendrede kun konstanta sukceso.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — La 3-an de Oktobro la Firmo Philips organizis tre interesan paroladon pri Televizio por nia Grupo; multaj membroj ĉeestis.

La nova kurso de F-ino Obozinski komenciĝis la 10-an, post la kurso S-ro Vogelfang (Ĉeĥoslovakujo) montris belajn filmojn pri la parto de sia lando, kiu nun estas Germana.

La 17-an, la ĉiam gaja S-ro Hart ĝojigis la tutan ĉeestantaron per « 10 Ajn ».

Nia jara festo estis ĉi tiun fojon ankoraŭ pli sukcesplena dank' al la kunlaboro de la Kantĥoro, majstre direktita de S-ro Isaya; de S-ro Vander Stempel, kiu prelegis « La Timemulo », de F-ino Pierre, kiu artplene ludis fortepiane muzikon de Chopin, de F-ino Ch. Servis kiu kantis duetojn kun S-ro J. Tenheede kaj poste kun F-ino D. Derks kaj de S-ro D-ro Kempeneers kiu montris filmojn pri la kongresoj de Charleroi kaj Londono. Plue oni disdonis la diplomojn al la gelernintoj de F-ino Obozinski,

---

du jaroj, mi vane serĉis eldonanton, kiam mi jam trovis unu, li dum duonjaro pretigis mian broŝuron por eldoni kaj laste — rifuzis. Fine, post longaj klopodoj, mi prosperis mem eldoni mian unuan broŝuron en Julio de la jaro 1887. Mi estis tre ekscitita antaŭ ĉi tio; mi sentis, ke mi staras antaŭ Rubikono kaj ke, de la tago, kiam aperos mia broŝuro, mi ne havos plu la eblon reiri; mi sciis, kia sorto atendas kuraciston, kiu dependas de la publiko, se ĉi tiu publiko vidas en li fantaziulon, homon, kiu sin okupas je « flankaj aferoj »; mi sentis, ke mi metas sur la karton la tutan estontan trankvilecon kaj ekzistadon miajn kaj de mia familio ; sed mi ne povis forlasi la ideon, kiu eniris mian korpon kaj sangon kaj... mi transiris Rubikonon. »

*La 15-an de Decembro — la Zamenhof-tagon — ni repensu pri tiu kuraĝa paŝo, farita pro idealismaj celoj, kiujn ni neniam sufiĉe prikantos.*

# Belga Esperanto-Instituto

**Eksterordinara ĝenerala kunsido de 17 Novembro 1938.**

La 17-an de Novembro, okazis en la Esperanto-domo en Antverpeno, eksterordinara ĝenerala kunsido de la akciuloj de « Belga Esperanto-Instituto », Koopera Societo.

S-ro Jaumotte, administranto-prezidanto, prezidas, helpata de S-ro De Hondt, administranto-sekretario.

S-ro Jaumotte klarigas la celon de la kunveno: fari kelkajn ŝanĝojn en la statuto. Li tamen atentigas ke, ĉar proks. 30.000 frankoj nur el la kapitalo estas reprezentataj en tiu ĉi kunsido, definitivaj decidoj nur povos esti alprenataj en sekvanta kunsido, kiu plenrajte decidos, eĉ se tiam la du trionoj de la akcioj ne estas reprezentataj.

La administranto-prezidanto klarigas la celon de la ŝanĝoj :

Art. 14. — Tiu ĉi ŝanĝo celas, ke la administrantoj kaj komisaroj havu la rajton kvitanci por la administracioj poŝta kaj telegrafa, dum nun la administrantoj havas la rajton delegi povon, kiun ili, pro stranga regularo, mem ne havas.

Art. 18. — Ĝis nun la ĉiujara ĝenerala kunveno ĉiam okazas en Antverpeno. Tiel fakte nur Antverpenanoj ĉeestas tiun kunsidon kaj aŭdas pri la laboro farita. La administrantaro do proponos, ke tiu kunsido okazu dum la nacia Kongreso, organizata de « Reĝa Belga Ligo Esperantista », kies membroj estas, plej grandparte, la akciuloj de la societo. Se tamen tiu ĉi kunsido ne povas decidi pri tiuj temoj, por kiuj la du trionoj de la voĉoj estas laŭleĝe devigaj, dua kunsido okazos la postan dimanĉon, tiun ĉi fojon en Antverpeno.

Art. 3. — La traktadoj de ĉiuj negocoj sub la titolo « Belga Esperanto-Instituto » montriĝis, en la praktiko, malfacilaj. Por vivi, la Societo devis intertraktadi laborojn kun Esperanto-societoj sen nacia ag-limo, unuflanke, kaj kun ne-Esperantistoj, — ordinaraj klientoj —, kiujn la titolo « Instituto » erarigas kaj ofte detenigas.

La administrantaro do dezirus, ke difinitaj negocoj okazu sub komerca firmo, kiu nur enhavus la vorton « Esperanto ».

Dum la priparolado, kiu sekvas, estas aliflanke proponata, ke ĉiuj negocoj okazu sub la nomo: Koopera Societo « Esperanto » (ant. « Belga Esperanto-Instituto).

Tio permesus montri al la **ne**-Esperantistoj kaj al la **eksterlandaj** Esperantistoj, per klare videbla vorto, la nomon de nia lingvo, dum la **belgaj esperantistoj** tamen ĉiam vidus en ĝi la jam tiel bone konatan « Belgan Esperanto-Instituton ».

La Administrantaro ne deziras influi la decidon de la akciuloj tiurilate kaj submetos do la du proponojn al la akciuloj, dum la dua kunsido, kiu okazos sabaton, la 10-an, je la 19a en la « Esperanto-Domo », Lange Leemstr., 127, Antverpeno.

---

kaj granda tombolo ĝojigis ĉiujn. La festo finiĝis per dancado.

La 31-an S-ro Opal parolis kun multa sukceso.

**LA LOUVIERE. — Esperantista grupo de la Centra Regiono. — La 12-an de novembro okazis la komitata kunveno sub la prezidanteco de S-ro Tassin kaj kiun ĉeestis S-roj Jacques, Bonge, Schmitz, Longeval, Dejosé. Ges-roj Daems senkulpiĝis.**

**S-ro Tassin klarigis ke li kunvokis la komitaton letere por ekscii, ĉu la grupo ĉesigas aŭ daŭrigas sian aktivecon. Li proponis la daŭrigon kaj unuanime oni akceptis kaj oni decidis ke la kunvenoj okazos unufoje ĉiumonate.**

**La prezidanto legis kaj tradukis leteron ricevitan el Argentina Respubliko, de samideano, kiu petas ke ni havigu al li reprezentadon de komercaj firmoj belgaj. Ni sendos tiun leteron kaj la tradukon al la Komerca Ĉambro kaj al aliaj firmoj.**

**La komitato decidis organizi la 17-an de Decembro ĉe la « Hotel du Commerce », vespermanĝon por festi la datrevenon de la naskiĝtago de nia majstro D-ro Zamenhof.**

**Nia kasisto faris bilancon de la kalkuloj, bilancon, kiu estas favora. S-ro Tassin petis ke ĉiuj skribu al N.I.R. por peti informojn pri la esperantista radio-elsendo, kiu okazos dum decembro.**

**LOVENO. — Lovena Grupo.** — La provleciono allogis entute 25 personojn. Post klarigaj paroladetoj pri Esperanto, en nederlanda kaj franca lingvoj, okazis la provleciono. 7 personoj enskribis sin tuj poste. Kvankam tio estas malmulte ĝojiga rezulto kompare al farita propagando la grupo daŭrigos kiel antaŭe sian laboradon. Okazis nun jam 7 lecionoj dum kiuj regis, ek de la unua, agrabla atmosfero.

### FAMILIA KRONIKO.

**GRATULOJ :**

— Al S-ino Maria DE VRIEZE-SANDERS, membrino de la Bruĝa Grupo, nun loĝanta en Drachten (Nederlando) kaj al S-ro DE VRIEZE, pro naskiĝo de filineto: Ali-Elisabeth-Maria (22.10.38).

— Al S-ro Henri VAN ROYE, sekretario de la Bruĝa Grupo, pro enoficigo kiel Inspektoro de la Registrado kaj de la ŝtataj Bienaroj en Bruĝo. (19.10.38).

# Nia tridek-unua en Bern

Post la unua alvoko de la Loka Kongresa Komitato al la tutmonda esperantistaro, kiun ni publikigis en nia numero de Oktobro, ni povas ĉi sube represi alian bonvenigon de tiu L.K.K. kaj ankaŭ jam la provizoran programon por tiu festa semajno, kiun certe multaj el niaj legantoj klopodos kunvivi.

★

## Ni vokas vin !

**Vi ĉiuj, karaj geamikoj, scias ke Svislando estas la lando de la paco. Multajn vundojn batitajn de la mondmilito ĝi provis sanigi. Ĉiam trovis homoj, forpelitaj de sia patrujo, azilon aŭ novan patrujon en tiu bela malgranda lando. Svislando, kiu antaŭ nelonge feste deklaris antaŭ la popoloj sian integran neŭtralecon, ne sentas sian eminentecon en la batalo de la popoloj je superrango, sed en interpacigo de la popoloj, en paca laboro. Nia lando estas gastama ĉambro, en kiu la germana, la franca, la itala kaj la romanĉa lingvoj samrajte estas parolataj. Ĉu tiu lando ne povus esti bonega fundo por nia Esperanto ?**

**Svislando, la plej juna membro de Internacia Esperanto-Ligo, vokas « koran bonvenon » al la Esperantistaro. Ni estas certaj, ke la etikaj taskoj de nia patrujo harmonias kun la celoj de la Esperanto-movado, kiu same laboras por la interkomprenigo de la popoloj kaj rasoj, kaj por reciproka komprenado de tiuj, kiuj estas apartigitaj pro lingvaj bariloj. Esperanto venkos ilin.**

**Vi vidos en 1939 urbon, kiu en tuta mondo estas konata kiel ĉefurbo de Svislando. Vi eltrovos ankaŭ urbon, kiu estas unu el la plej belaj en la mondo, kiu sukcesis konservi sian gloran, historian unuecon ĝis la hodiaŭa tago, urbon kiu parolas pri la progresema, diligenta sento de siaj civitanoj, pri ilia sento por beleco, kaj pri ilia bonstato. Sed vi ankaŭ trovos popolon, kiu kore ĝojos bonvenigi vin ĉiujn, kiu akceptos vin kiel siajn karajn gastojn.**

**Loka Kongresa Komitato, Bern.**

★

## Provizora programo

**Sabato, 29 julio:**

Malfermo de la Kongresejo ;
Interkonatiĝa vespero en ĝardeno aŭ en festsalono de Kursaal.

**Dimanĉo, 30 julio:**

Surmonta diservo sur Gurten aŭ diservoj en la preĝejoj ;
Solena malfermo de la Kongreso en granda salono de Kazino ;
Diversaj ekskursoj al ĉirkaŭaĵo de

# 1000 Numeroj Heroldo de Esperanto

Pasintan semajnon ni vivis en esperantujo iun tre nekutiman jubileon; eliris la presejon, la mila numero de esperantista revuo !

Tiu jubileo estas des pli grava kaj atentinda ĉar temas pri LA gazeto de la esperantistoj: « Heroldo de Esperanto ».

En la enkonduka artikolo de tiu mila numero la redaktoro, nia amiko Teo Jung, prave rimarkigas :

« Oni povas pensi, ke atingi tian « jubileon » ne estas granda afero : vi komencas per numero 1, poste aperigas unu numeron post alia, ĉiusemajne unu novan, kaj ja devas iam alveni la momento, kiam la 100-a, la 500-a, kaj fine la 1000-a numero estas atingita. Jes, tiel estas. Estas grandparte demando pri Tempo. »

Tio sendube estos la opinio de multaj legantoj.

Multaj tamen ankaŭ komprenas la valoron de tiu persistema laboro kaj unu el la fideluloj de « H. de E. » skribis en gratulletero al ĝia redaktoro :

Milfoja informado pri aktualaĵoj en la Esperanto-movado, milfoja edukado pri nia kara lingvo kaj edukado pri ties propagando, milfoja okazigo de distrado, milfoja instigado al persisto en la aspirado de nia bela, alta celo — ĉu tio ĉi signifas nur servon en ordinara, vulgara senco ? — Plenrajte oni povas diri : Ĉi tie estas plenumita grava, nobla misio.

Tiuj gratuloj de legantoj tamen estas grandparte eldiroj de la kontenteco de laikuloj, kiuj ĝojas pri ricevo de sia gazeto sed kiuj nur parte aŭ tre ofte eĉ tute ne konscias la mil detaletojn kies observadon postulas la preparado de tia periodaĵo, de tia semajna organo.

Ni, kiuj mem prizorgas la eldonadon, kiuj semajnon post semajno, vesperon post vespero okupiĝas pri la registrado, korektado, enpaĝigo, reviziado de « Heroldo de Esperanto » kaj kiuj pro tio eble estas la plej intimaj kunlaborantoj de la redaktoro de la jubileanta gazeto, ni plej bone konscias la giganteco n de la laboro, kiun liveris sinjoro Teo Jung dum periodo de preskaŭ dudek jaroj !

Kaj estas el tuta koro ke ni gratulas lin, kriante samtempe : daŭrigu, eble la malfacila periodo, kiun ni travivas, baldaŭ forpasos kaj tiam la esperantista mondo komplete konscios kion vi faris kaj ankoraŭ faros por ĝi kaj por ĝia internacia lingvo ! H. S.

---

Bern ;
Vespero je dispono de la kongresanoj.

**Lundo, 31 julio:**
Laborkunsido de IEL ;
Fakaj kunsidoj ;
Gvidado en grupoj tra Bern aŭ rondveturado ;
Teatra prezentado.

**Mardo, 1 aŭgusto:**
Laborkunsido de IEL ;
Fakaj kunsidoj ;
Gvidado tra la urbo ;
Partoprenado ĉe la federacia fondfesto en grupoj.

**Merkredo, 2 aŭgusto:**
Tuttaga ekskurso al Berna Superlando, al Jungfraŭjoch kaj aliaj ravaj lokoj.

**Jaŭdo, 3 aŭgusto:**
Laborkunsido de IEL ;
Ekskursoj al lagoj aŭ pasejo ;
Internacia kostumbalo en ĉiuj salonoj de Kursaal.

**Vendredo, 4 aŭgusto:**
Fakaj kunsidoj ; prelegoj ;
Diversaj ekskursoj al historiaj lokoj.

**Sabato, 5 aŭgusto:**
Fermo de la Kongreso en granda salono en Kazino ;
Libervolaj promenadoj en Bern, vizitado de muzeoj.

**Postkongresaj aranĝoj, 5-12 aŭgusto:**
1. Tutsemajna rondvojaĝo tra Svislando, trans pasejojn kaj al lagoj ;
2. Libertempejo en la Berna Supralando.

---

## Zamenhof-tago - Libro-tago

**Ĉiuj, kiuj mendos kaj antaŭ-pagos, okaze de la Zamenhof-tago, inter la 10-a kaj 20-a de Decembro Esperanto-LITERATURON por minimume Fr. 50,—, ricevos laŭ elekto, « silkan lego-signon kun bildo kaj subskribo de la Majstro » aŭ « Zamenhof-statueton ». Tiuj, kiuj mendos por minimume 100 Fr. da Literaturo ricevos ambaŭ memoraĵojn senpage.**

**La P.Ĉ.K. de B.E.I., Lange Leemstraat, 127, Antverpeno, estas: 1689.58.**

### LA VERKOJ DE ZAMENHOF :

| | |
|---|---|
| **Fundamento de Esperanto** (kvinlingva) | 10,— |
| **Fundamenta Krestomatio** . . . . . | 20,— |
| **Lingvaj Respondoj** . . . . . | 8,— |
| **Proverbaro Esperanta** . . . . . | 8,— |
| Andersen. **Fabeloj.** Parto I . . . . | 11,— |
| Goethe. **Ifigenio en Taŭrido.** Dramo . | 8,— |
| Gogol. **La revizoro.** Komedio . . . | 8,— |
| Heine. **La Rabeno de Baharah** . . . | 6,— |
| Molière. **Georgo Dandin.** Komedio . . | 4,50 |
| Orzeszko. **Marta.** Romano . . . . | 16,— |
| Schiller. **La rabistoj.** Dramo . . . . | 10,— |
| Shakespeare. **Hamleto.** Tragedio . . | 6,50 |

---

# Bibliografio

### « Epoko »-libroklubo exit !

**Francisko Molnár: La Knaboj de Paŭlo-Strato.** Trad. el la hungara Ladisloa Spierer, Nr. 2 de la « EPOKO » Libro-Klubo. 1938. 193 pĝ.

**P.G. Wodehouse: La Princo kaj Betty.** — Trad. el la angla G. Badash. N-o 3 de la « EPOKO » Libro-Klubo. 192 p.

**H.G. Wells: La Tempo-Maŝino; La Lando de la Blinduloj.** — Du romanoj en unu volumo, tradukitaj el la angla lingvo de E. W. Amos. N-ro 4 de la « EPOKO » Libro-Klubo. 192 p.

**Edgar Rice Burroughs: Princino de Marso.** — Tradukis el la usona originalo R.K.C. Sturmer. N-ro 5 de la « EPOKO » Libro-Klubo. 192 p.

Malĝojiga novaĵo por la esperantistaj libroamantoj atingas nin !

La libro-eldona kaj disvenda organizo « Epoko »-libroklubo, kiu en tiel bonaj kondiĉoj eklaboris, sciigas nin pri la ĉesigo de sia laborado...

La ŝanĝoj de la Eŭropa landkarto, kiuj havis malbonegan influon sur la nombro de aktivaj esperantistoj, donis tro fortan baton al la nomita organizo.

Perdo de la membroj unue en Germanujo, poste en Aŭstrujo kaj plej laste en granda parto de Ĉeĥoslovakujo estas tiom da kaŭzoj de tiu ĉesigo.

La Epoko-libroklubo efektive nun ne plu disponas pri sufiĉe da membroj por inde daŭrigi sian laboron.

La libroj kies titoloj ni ĉi supre denove citas estos ankoraŭ postsekvataj de unu numero kaj tiam, Epoko ne plu ekzistos en sia ĝisnuna formo.

Ni faras alvokon al niaj legantoj kiuj ne estis membro de la klubo, mendi ĉe Belga Esperanto-Instituto la librojn kiujn ĝi eldonis.

Per rapida elvendo ni almenaŭ parte helpos tiun organizon, kiu fondiĝis kun plej interesa celo : disvastigi malkarajn sed bonajn librojn inter la esperantistaro.

**La Knaboj de Paŭlo-Strato** estas juvelo el la hungara literaturo plej bone tradukita, **La Tempo-Maŝino, La Lando de la Blinduloj** kaj **Princino de Marso** estas rakontoj kiuj plensatigos la plej grandajn fantaziemulojn, dum **La Princo kaj Betty** estas ordinara romano, kiu alportos distron kaj plezuron al ĉiu leganto.

HOSO.

**Suplemento al la IEL-Jarlibro 1938.** Certe ĉiuj membroj de IEL estis tre kontentaj, kiam ili en la dua duono de oktobro ricevis ĉi tiun 32-paĝan suplementon kun la aldonoj kaj ŝanĝoj en la delegitaro post apero de la Jarlibro 1938, kaj kun konciza raporto pri la 30-a U.K.

**Lyon'a Internacia Foiro, 11.-21.Marto 1939.** Frutempe Lyon preparas sin por sia venonta Foiro. La afiŝo (formato 60 x 100 cm) montras en efika aranĝo la sunon de la foirplaco, kiu

# Tra la mondo

**Ĉar la loko de nia monata revuo ne ĉiam permesas detale priparoli ĉiujn antaŭeniĝojn kaj venkojn de niaj lingvo kaj movado, ni donas en speciala kolono la plej interesajn kaj plej aktualajn novajojn, laŭ la oficialaj organoj de Internacia Esperanto-Ligo.**

**Oficiala cirkulero de la Franca Ministro por Edukado enkondukas Esperanton.**

Sub la dato de 11.10.1938, la Franca Ministro de Nacia Edukado direktis al la Akademiaj Rektoroj cirkuleron, per kiu li permesas la aranĝon de Esperanto-kursoj en ĉiuj liceoj, kolegioj, gimnazioj, lernejoj por geinstruistoj, kaj teknikaj lernejoj. La cirkuleron subskribis, en la nomo de la Ministro, la Direktoro de la Teknika Instruado, kaj la Direktoro de la Duagrada Instruado.

**Itala Radio eldonas monatan programkajeron en Esperanto.**

Komencante de novembro nunjara, la itala ŝtata organizaĵo « Ente Italiano Audizioni Radiofoniche » (EIAR) eldonas monatan programkajeron, tute redaktitan en Esperanto, de la radiostacio de Prato Smeraldo en Romo, kiu ĉiutage dissendas paroladojn kaj koncertojn en diversaj naciaj lingvoj, kaj ankaŭ en Esperanto. La unua numero de la esperantlingva programkajero ampleksas 28 paĝojn.

**Klarigaj afiŝoj pri Esperanto en stacidomaj atendejoj en Finnlando.**

La Fervoja Administracio de Finnlando oficiale permesis surnajli sur la murojn de la atendejoj de ĉiuj urbaj kaj gravaj provincaj stacidomoj klarigon pri Esperanto kun adresoj pri instruado kaj organizo. La dissendon de ĉi tiuj afiŝoj faris oficiale kaj senpage la reklamoficejo de la Fervoja Administracio mem.

**Japana Fervoja Ministerio eldonis konversacian libron kun Esperanto-teksto.**

La Japana Fervoja Ministerio, kiu jam pli frue aperigis belan, ilustritan gvidlibron esperantlingvan pri Japanlando, nun eldonis konversacian libron, kiun ĝi disdonis al hoteloj, gvidistoj kaj turismaj entreprenoj. La libro enhavas tekstojn en ses naciaj lingvoj kaj en Esperanto. — La grava komerca urbo Osaka (3.000.000 loĝantoj) eldonis gvidlibreton en Esperanto; elementa kurso de Esperanto en tiu sama urbo antaŭ nelonge havis 130 partoprenantojn.

**Brazila Instituto de Geografio kaj Statistiko oficiale uzas Esperanton.**

La nomita Instituto eldonis nunjare sian statistikan resumon en Esperanto. Tiu ĉi eldono okazis post akcepto de rezolucio, proponita al la ĝenerala kunveno de la Instituto, de ĝia ĝenerala sekretario. La rezolucio esprimis ankaŭ la deziron ke la brazilaj statistikaj departementoj alprenu Esperanton por sia korespondado eksterlanden. La Instituto estas oficiala, dependanta de la Registaro.

**Radio-Paris dissendis dum naŭ monatoj 32 teatro-programojn en Esperanto.**

La esperantlingvaj teatro-programoj de Paris PTT estas tre ŝatataj. Tion pruvas la amaso da leteroj, poŝtkartoj, kritikoj kaj iniciatoj, kiujn la radiostacio ricevas el multaj landoj. Dum la unuaj naŭ monatoj de tiu ĉi aranĝo estis dissenditaj 32 programoj, el kiuj 4 estis verkitaj rekte en Esperanto, kaj la ceteraj estis tradukitaj el la lingvoj franca, angla, finna, hispana, japana, kataluna kaj rusa.

---

jam ĵetas sian lumon sur la terglobon. Samideanoj, kiuj povos efike pendigi la esperantlingvan afiŝegon (plej bone en iu montrofenestro), petu ĝin senpage de: Foire Internationale Rue Ménestrier, Lyon, Francujo.

**IV-a Mariala Nacia Kongreso,** Boulogne-sur-mer. 6-paĝa faldfolio ilustrita. Dissendis ĝin la Grupo Esperantista de Boulogne-sur-mer, Francujo.

**Kääntenteentekevä keksintö.** (Lernu kaj uzu la plej facilan internacian lingvon Esperanto por kaj ĉe la Olimpiado de Helsinki!) Finnlingva flugfolio, eldonita de Finnlanda Esperanto-Instituto (Suomen Esperanto-opistolta, Kluuvik. 5 A, Helsinki).

**Hoe lang zal dit nog duren?** (Kiel longe tio ankoraŭ daŭru?) Bone presita, tre efika flugfolio por propaganda vespero de grupo « Fine ĝi venkos » kaj de la Cseh-Instituto en Hago, kun bildo de Hitler kaj Chamberlain kun interpretisto antaŭ landkarto de Ĉeĥoslovakujo.

**Libertempo en Svislando.** Afiŝego (64x111 cm) esperantlingva, prezentanta vojmontrilon, el kies kvar montrotabuloj tri surhavas la vortojn Printempo, Somero, Aŭtuno (kun konformaj bildoj) kaj la kvara surhavas la svisan blankkrucon sur ruĝa fono. La tuto estas tre ĝojkolora, kaj supre sur la vojmontrila fosto sidas birdeto ekkantonta. Tre plaĉa kaj efika afiŝo.

## Niaj kotizoj

**Ni memorigas ke la kotizo de Belga Ligo estas Fr. 35,—, al kiu tiuj, kiuj nekontentiĝas pri la simpla membreco de IEL, devas aldoni jenajn krompagojn :**

| | |
|---|---|
| Membro-Jarlibro | Fr. 20,— |
| Membro-Abonanto | Fr. 50,— |
| Membro-Abonanto Heroldo | 128,— |
| Membro-Subtenanto | 175,— |

## Esperanto-Libroj malkare

**Samideano kiu estas devigita likvidi sian bibliotekon ofertas la sekvantajn librojn, kiuj ĝenerale estas en bona stato sed portas sur la unua paĝo la nomon de la posedinto.**

| | or. prezo | por |
|---|---|---|
| L.L. Zamenhof: Orig. Verkaro | 100 | 75 |
| Fundamenta Krestomatio | 18 | 10 |
| La Sankta Biblio | 45 | 30 |
| Belga Antologio (2 volumoj) | 50 | 25 |
| Rusa Lernolibro de Esperanto | ? | 3 |
| J. Borel: Vollständiges Lehrbuch Esp.-Sprache mit Schlüssel | ? | 5 |
| Mensogulo kaj aliaj Noveloj | 4 | 2 |
| L. De Beaufront: Grammaire et Exercice de la Langue Internationale Esperanto | elĉ. | 1 |
| Adria Gual: Mistero de Doloro | 5 | 3 |
| Kenngott: Ilustritaj Rakontetoj | 5 | 2 |
| Internacia Dialogaro | 5 | 2 |
| J. Korczak: Bonhumoraj Rakontoj | 4 | 2 |
| Lejzerowicz: Lernolibro por Hebreoj | ? | 2 |
| Swagers kaj Finet: La ĉiutaga Vivo (kun flandra kaj franca tradukoj) | 6 | 3 |
| D. Ŝimunoviĉ: Ano de l' Ringludo | 10 | 7 |
| J. Van Schoor: Amo kaj Poezio | 10 | 7 |

**Aldonu por sendkostoj 10 %**

**Oni sendu la mendojn al:**

**BELGA ESPERANTO-INSTITUTO**
**Lange Leemstraat, 127**
**ANTVERPENO P.Ĉ.K. 1689.58**

Ni nur povas liveri al la unuaj mendintoj, ĉar ni posedas de ĉiu libro nur unu ekzempleron kiun ni povas vendi laŭ la supraj kondiĉoj. Indiku kun via pago kion ni povas sendi se la libro jam estus forvendita.

**ESTRARO DE „BELGA LIGO ESPERANTISTA"**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)

**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)

**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)

**Sekretario:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.

**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo.
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I.E.L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.